Esperanto servu pacon

AKTUALE

Monata informilo de Sovetlanda Esperantista Movado

№ 2 (6) februaro 1974

## SEJM kaj Mondpaca Esperantista Movado.

Post la artikolo de V.Aroloviĉ en la "Aktuale"-3 multaj SEJM-aktivuloj komprenis:jes,ni devas proksime ekkontakti,ekkunlabori kun la Mondpaca Esperantista Movado(MEM).Nur leviĝas la demando:kiamaniere?

Ni verŝajne ne tuj trovos plenan solvon de la demando,sed komenci solvi ni devas.Al ni,ŝajnas,taŭgus jenaj paŝoj:
En ĉiuj fortaj SEJM-grupoj estu komisiate al 2-3 gejunuloj formi grupon,kiu ekkontaktu kun loka Packomitato (certe tie,kie ekzistas) kaj fariĝu aktivuloj en ĝi.Eĉ se tiu Packomitato ne havas rajtojn de memstara korespondado,~~ka MEM-grupo povas~~ kun eksterlando, la MEM-grupo povas preni je sin la funkciojn de la neoficiala packomitata helporgano.Pere de eksterlandaj MEM-grupoj oni povas ricevi el eksterlando diversajn materialojn,rilatantajn al ilia paclaboro - - bultenojn,flugfoliojn,raportojn priagadajn,fotaĵojn ktp.Transdonante tion al la Packomitatoj surloke oni povas ricevadi de ili samtipajn materialojn por sendado eksterlanden.Tiujn ĉi funkciojn komencis efektivigi la reprezentantoj de la MEM-komisiono por la eksteraj aferoj,sed inter ili estas nur unu junulo,k-do A.Kalninŝ en Riga.

Ion povas fari ankaŭ E-grupoj en la lokoj,kie forestas Packomitatoj.Unue ili povas koresponde ekkontakti proksimurban Packomitaton kaj provi realigi la supreciititon.Due - uzi personan korespondadon por komuniki kaj defendi la ideojn de Paco.necesas kuraĝe tuŝi en niaj personaj leteroj demandojn de paco kaj milito,de progreso kaj malprogreso.Respondojn al "akraj" demandoj de korespondamikoj oni povas verki eĉ komune dum la kluba kunveno.Bonajn, interesajn leterojn kun la respondoj ni proponu por loka preso.Similajn materialojn gazetoj volonte publikigas.

Al unu el la aŭtoroj de ĉi artikolo korespondanto el FRG skribis,ke kvazaŭ "kaj Usono kaj Sovetunio vendas armilojn nur por gajni monon,kaj ke ĝuste tiuj armiloj estas fonto de la militoj nuntempaj".La respondo jenis:"Amiko,imagu,ke vi irante vespere en strato,estas atakata de bandito kun tranĉilo.En la kriza momento aperas homo,havanta pistolon.Al kiu li donu tiun pistolon? Laŭ via letero estas videble,ke ne gravas al kiu,gravas nur mem la fakto.Ne,estimata,se vi ricevos la pistolon,venkos la justeco, se - la bandito,venkos la maljusto(legu faŝismo;imperiismo,kolonialismo).Do,se vi reanalizos la faktojn,vi komoprenos,kenia lando helpas nur al la progresemaj movadoj kaj landoj,batalantaj por la justo,por siaj rajtoj je vivo...."(doni ekzemplojn).

Ni,esperantistoj,devas stari en la avangardo de la pacbatalo. Des pli,se ni havas aldonan armilon - komunan por ĉiuj internacian lingvon.Sekve,por bone orientiĝi en tiuj demandoj ni nepre devas kune kun la tuta soveta popolo,atente sekvi pac-dokumentojn(la plej proksima - parolo de Breĵnev dum la Packongreso-,kiuj estas kiel rezulto de la pacagado de nia Ŝtato.Nur tiam ni povos bone kaj ĝuste respondi al amik-leteroj,efike partopreni la laboron de MEM.(Indas mencii eblon traduki artikolojn el "Paco" por aperigi

ilin en loka preso.

S.N.Podkamiher, A.Gonĉarov.

## Progresantoj - sen SEJT ?

(oponoj kaj proponoj).

Do, la problemo: progresantoj ne kontentas pri SEJT. La solvo: forigi ilin de tie kaj organisi por ili apartan tendaron. Du tendaroj - por"E-popolanoj kaj 2 por la progresantoj -"idealo, al kiu ni strebu". (A.Gonĉarov, "Pri progresantoj", "Aktuale"-3).

Peceton de la ideo, miaopinie, oni povas subteni: pri du tendaroj. Jes, ni bezonas jam du, kaj eble post kelkaj jaroj bezonos tri aŭ kvar tendarojn, sed ĉu apartajn? Tiun ĉi kaj aliajn demandojn, kiujn tuŝis A.Gonĉarov, mi volas iom analizi kaj diri miajn proponojn.

Bedaŭre, la malkontentaj progresantoj aperis ne ĵus, ne pro iuj specialaj mankoj de la lasta SEJT. La fenomeno ne estas nova, ĉar ankaŭ dum pasintaj tendaroj estis inter venintaj la unuan fojon kontentaj kaj malkontentaj pri SEJT-programo. La unuaj, kutime, restadis en la movado, la lastaj - fuĝis. Ĉiu mem povas facile esplori tion: prenu la adresaron de iu ajn SEJT, elskribu de tie la partoprenintojn, kiuj venis tendaron post jara lernado. Poste uzu aliajn adresarojn kaj kontrolu, kiu el via listo ne venis sekvajn tendarojn. Evidente estos multaj tiuj, kaj mi garantias, ke la nevenintoj (90% da ili) estis en SEJT malkontentaj, staris iomete ĉe la pordo de la movado, spektis, nenion ekvidis kaj foriris ĉagrene.

Same, uzante la adresojn ĉiu povas certigi, ke la proporcio de progresantoj kaj spertaj aktivuloj de SEJM restis preskaŭ en la sama nivelo dum ĉiuj SEJT-oj (se deflankiĝoj estis, do - al pli krokodila, sed ne al pli esperantista tendaro). Ĉiuj aktivuloj, partoprenintaj SEJT-ojn flue parolis la lingvon, ŝatis ĝin kaj laboris por ĝi. Kaj malgraŭ iu el ili nun forlasis la movadon pro diversaj kaŭzoj, mi substreku: "E-popolo ankaŭ ne ĵus aperis, sed ekzistis en SEJT ekde ĝia naskiĝo. Ĉu ne dank'al tio eblis kreo de mem SEJM? Vere, la nmbro de aktivuloj ekkreskis, sed ja nature ekkreskis ankaŭ la nombro de progresantoj. Kaj la vivordo en la lando (programo) certe ĉiam respegulis plejparte bezonojn de la konstanta loĝantaro (aktivuloj).

Sed la fenomeno ekzistas. Multaj progresantoj (tute ne ĉiuj) forveturis el SEJT-oj malkontente. Ne pro tio, tamen, ke la spertuloj uzurpis tutan programon (pli ĝuste ne nur pro tio). La programo, certe, estiĝis pli malriĉa por progresantoj, sed ankaŭ "popolo" ion perdis pro tiu malriĉeco. Sed pri tio mi diru iom pli poste.

Jen kelkaj klarigoj pri la kaŭzoj de la "malkontenteco".

I. Kulpas SEJM-reprezentantoj - antaŭ ĉio. Organizante lokajn delegitarojn al SEJT ili zorgas pri kvanto, ne pri kvalito kaj facilanime subskribas rekomendon por ĉiu deziranto veturi. Tial en la tendaron trafis geuloj, venantaj nur por distraĵoj, logataj far'de mem kurorta loko de tendaro. Surloke, tamen, evidentiĝas, ke eĉ vesperaj programeroj tiujn homojn ne distras - ja ili nenion (aŭ preskaŭ nenion) komprenas kaj ne volas kompreni. Evidentiĝas ankaŭ, ke klubgvidantoj antaŭvidis por ĉi personoj partoprenon en neniuj entrepreno, krom deĵorado en kuirejo (tion ankaŭ povis siatempe rimarki la rekomendintoj). Nu, sendube, menciitajn ulojn la programo de SEJT ne kontentigas, ĉar ili vivas en SEJT ekster ĝi. Do - elektu: aŭ al tendaro venados nur dignaj progresantoj, kiujn SEJM-reprezentantoj elektos, konsiderante iliajn agojn kaj sukcesojn kaj ankaŭ la liston de tendaraj profesioj, kompilitan de A.Gonĉarov ("Aktuale"-6),

aŭ en SEJT,kiel ĉiam,reges la "kribrilo" - natura ~~kaj~~ elkto kaj divido de progresantoj je kontenta kaj malkontenta partoj.

2.Parolojgaj kursoj,- la ĉefa entrepreno por la progresantoj,- - jam dum kelkaj jaroj estas preskaŭ tute ne taŭgaj.Mi aŭdis multajn plendojn de diversklubaj progresantoj pri neinteresa kurso. Tion diris progresantoj,kiuj restis en SEJM,kaj ekparolis,do por ili aliaj programoj donis pli multe ol la kursoj.Sed lak kurso en SEJT devas esti modela,neforgesebla(io simila estis la kantkurso de Matviiŝin en SEJT-II,kiun ĝis nun rememoras ĉiuj partoprenintoj).

Pardonu min, ~~karaj~~ niaj sindonaj instruistoj,sed mia (ebla nur mia) opinio estas jena:la progresantaron en SEJT instruu nur gejunuloj, plej bone farantaj tion en siaj kluboj.Mi volas proponi ankaŭ,ke almenaŭ unu leciono de ĉiu instruanto estu malferma - ĝin vizitu ĉiuj aliaj por interŝanĝi sperton kaj pridiskuti inter si la metodojn.Spertaj pedagogoj (Rogov,Nočovkin k.a.) donos pli grandan utilon;se organizos kaj ekgvidos veran pedagogian seminarion - serion da prelegoj kaj diskutoj por junaj instruistoj.

3.La programo de SEJT.Se ĝia labora parto,dank'al forigo de la Seminario sukcese evoluas (tradukista kurso,E-Universitato), do la dua parto,parto de komunaj entreprenoj por la aktivuloj kaj progresantoj,kiu devas servi por paroligi la lastajn en libera atmosfero - tiu ĉi parto poiomete degradas(temas ne pri artvesperoj kaj KGS).Konsentu,ke la prelegojn de Somera Universitato vizitas raraj progresantoj - tre komplika por ili ~~afero~~ estas ĉi entrepreno.

Ĉu iu el vi,karaj "E-popolanoj" rimarkis,ke subite mortis la tendaroj olimpikoj kaj kantoinstruado?Aŭ bonaj interklubaj renkontiĝoj?Aŭ,ke E-loterio kaj elekto de "miss + mister Esperanto" fariĝis pure formalaj?Eble ne,ĉar vi por vi mem ĉiam trovos okupon.Sed la progresantoj sentas tion,sidante en tendoj dum ĉiuj posttagmezoj.Konsideru tion la kompilantoj de sekvaj SEJT-programoj.

Analizante ĉi-kaŭzojn kaj la tutan historion de SEJT-oj, oni povas konkludi,ke la opinio de Gonĉarov pri solvo de la "ĝojiga" problemo estas erara.Mi konsentas,ke aparteco inter la aktivo kaj progresantoj estas utila por fortaj kluboj,kie la aktivuloj kaj la progresantoj havas dum certa periodo tute diversajn taskojn.Sed la tendaroj ~~kaj~~ apartaj tute ne estas ideale por strebi,samkiel tute apartaj programoj en kadro de unu SEJT.

Ĉiam la tendaroj muldis esperantistaron el "progresanta erco" nur se la progresantoj estis plenrajtaj anoj de la glora Esperantujo(belaj vortoj,sed vere neeviteblaj).Pro tio eĉ labortago por solaj progresnatoj aŭ ekskurso aparte por ili estas treege malutilaj,ĉar ili estas ĉi-okaze oficialigitaj krokodilaj entreprenoj en E-tendaro.Ĉu eblas Esperantujo en pure progresanta medio?Kredeble,ke ne.Kiam homo trafas alilanden,li vole-nevole komencas paroleti ties lingvon.Same la progresantoj ekparolas nur pro influo de la konstanta popolo.Aliel amaso elektas pli kutiman - - nacian lingvon.

Kaj fine mi revenu al la komenco.Jes,ni jam bezonas du tendarojn. La klubanaro kaj aro de la kluboj iom post iom kreskas,kaj sola SEJT ne povas akcepti ĉiujn dezirantojn.Generale mi opinias,ke tro amasa tendaro (pli ol 100-120 pers.) estas jam iom malbona,ĉar multaj specifaj entreprenoj perdas sian influon.Do eble post unu - du jaroj ni provu organizi du tendarojn diversloke?Se en ambaŭ tendaroj estos bona kaj ne malgranda kerno da spertaj esperantistoj,certe ambaŭ sukcesos.

Ĉio dirita ne koncernas la SEJM-Konferencon,kiu devas esti pura de progresantoj.Sed ankaŭ tie ĉi ekskluzivoj eblas.

M.Bronŝtejn(Tiĥvin)

## Oficiale pri Esperanto.
(Akademio de sciencoj de USSR)

Decido de la prezidentaro en Akademio de sciencoj (AS) de USSR la 18-an de oktobro 1973 j."Pri la agado de la Fako pri literaturo kaj lingvo en AS de USSR (prezento de la Sekcio pri sociaj sciencoj)."

"...8.Komisii al la Fako pri lingvoscienco de AS de USSR esplori la demandon pri helpa lingvo por internacia komunikado, pri la eblecoj de ĝia uzado en la nuntempaj kondiĉoj".

## Lenoplano de Esperanto-Universitato.
(Projekto)

| N-ro | T E M O | Prelegontoj |
|---|---|---|
| | **I-a kurso:Historio de E-Movado,E-organizaĵoj.** | |
| 1) | Antaŭrevolucia E-Movado en Ruslando | A.Ĥarkovskij |
| 2) | Oktobra revolucio kaj E-Movado. SEU - fondiĝo kaj agado. | S.Podkaminer |
| 3) | E-organizaĵoj:SAT,IPE. | S.Podkaminer |
| 4) | U E A kaj I O E | A.Vaitilavičius |
| 5) | S E J M | A.Gonĉarov |
| 6) | T E J O | V.Ŝilas |
| 7) | M E M | S.Podkaminer |
| 8) | SSOD- E-komisionoj | N.Andrianova |
| | **II-a kurso:Esperanto en diversaj agadsferoj.** | |
| 1) | Esperanto en scienco kaj tekniko.Agado de Scienca Asocio esperantista | Maseviĉ,Cejtin,Vaitilavičius,Tokarev,Armand,Podkamiber,Gonĉarov,Aroloviĉ. |
| 2) | Esperanto en lernejoj.Agado de ILEI. | N.Starodubcev,J.Palu,A.Kubulnieks,B.Kolker,G.Gercikov. |
| 3) | Turismo kaj sporto. | Prelegontoj serĉatas |
| 4) | Medicino.Agado de Internacia Ligo de Medicinista. | A.Vaitilavičius,N.Kublanova,E.Salnikov. |
| 5) | Esperanto kaj scienc-teknika informado. | D.Armand,A.Kalninŝ. |
| 6) | Esperanto kaj gazetaro.Agado de TEJA. | N.Danovskij |

III-a kurso:**Metodoj de laboro en Esperanto-grupoj.**

a)Metodaro de organiza laboro (ekstergrupa kaj engrupa laboro);
b)metodaro de agit-propaganda laboro (en diversaj sociaj kaj aĝ-grupoj);
c)organizo de korespondado kaj uzo de ricevataj materialoj;
d)metodoj de informa laboro (diference por diversaĝaj grupoj - aĝuloj,junuloj,infanoj).

IV-a kurso:**Problemoj de Esperanto-literaturo.**

1)Esperanto-prozo originala;
2)Esperanto-prozo traduka;
3)Esperanto-poezio originala;
4)Esperanto-poezio traduka;
5)Esperanto-dramo originala kaj traduka.

La plano estas kritikebla.Aliajn proponojn sendu laŭ la adreso: 197010,Leningrad-10,Ŝkolnaja 48 - 7,Podkaminer S.N.

## Al prelegoj pri Esperanto.

Ni devas konstati,ke prelegado pri Esperanto troviĝas ĉe ni en kaosa stato.Mi ne diras pri la kvanto,sed mi aludas la kvaliton.Ni ne havas,plej unue,unuece ĝustajn ciferojn pri la stato de la Movado nuntempe.Ni ne scias,kiel atentkapte komenci la prelegon.Ni ne scias laŭ kia optimuma plano legi la prelegon.Ni ne scias,kion elmeti kiel la ĉefan en la prelego.Ekzemple mi,kiu prelegas pri Esperanto jam preskaŭ 10 jarojn,(vere ne tiom ofte), kun miro rimarkis,ke la ĉefa parto de la prelego falas sur la historion de Esperanto.Kvankam evidentas,ke ni devas logi homojn al Esperanto ne per ĝia pasinto,sed per ĝia nuntempo kaj iom per la perspektivoj.Mi proponas al la kadroj de ĉi-jara SEJM-Konferenco detale priparoli tiun temon kaj komune skribi detalegan planon de optimuma prelego pri Esperanto.Mi petas aktivulojn jam nun enpensiĝi pri la temo kaj veturigi al la Konferenco siajn ideojn-konsiderojn.

Nun mi volas tuŝi alian flankon de la prelegado.Ni alkutimiĝis jam,ke prelegi pri Esperanto ni devas nur antaŭ E-kurso. Aŭ aliel:kiel sekvo de prelego devas esti tuja E-kurso.Des pli, ke tion ofte postulas entuziasmigitaj aŭskultantoj.

Tamen kiel montras la multjara praktiko de niaj E-kursoj, ne ĉe multaj tiu entuziasmo konserviĝas ĝis la fino.Mi pensas, ke tio grandparte dependas ankaŭ de karaktero kaj progresemo de la homo.En la movado restas tiuj homoj,kiuj laŭ la karaktero ekkredinte iun ideon,al ĝi dediĉas sin mem.En nunaj kondiĉoj por Esperanto alimultkarakterajn homojn ni ne povas kapti por la movado.Ni dediĉas por la similaj tempon-atenton,sed vane:ili perdiĝas.

Kiel eviti tion.Mi proponas:necesas selekti taŭgajn por Esperanto homojn per atendado.Do.En daŭro de lernojaro vi prelegu (laŭ eble pli multe) en la diversaj entreprenoj de la urbo. En la fino de la prelego vi proponu al ĉiuj dezirantoj studi la lingvon,skribi siajn adresojn sur poŝtkartojn,kiujn vi nepre (kelkdekon) prenis kun vi.Al la interesitoj diru,ke en la sekva aŭtuno,kiam ekfunkcios E-kurso,vi dissendos ĉi poŝtkartojn kun la sciigo pri la dato kaj loko.Aŭtune venos nur tiuj (vi ja dissendos al ĉiuj),kiuj sian deziron lerni Esperanton portis tra la tempo.Krome ili en tiu tempo pli atentos problemon de multlingveco,ĉar vi en la prelego devas ĝuste meti ĝin antaŭ la aŭskultantoj.En ĉi numero de "Aktuale" vi rimarkos (vidu sciigojn),ke k-do Sibircev el Novosibirsk jam komencis tion eksperimenti.

A.Gonĉarov.

## Ĉu ni bezonas Korespondan fakon en SEJM?

Iuj povas ekmiri,pro kio aperis ĉi demando.La fako havas sian gvidanton,kiu ricevadas adresojn de dezirantoj korespondi kaj faras interŝanĝojn.Sed,ĉu vere okazas same tiel?Ĉu vere niaj esperantistoj demandas la fakestron pri ekzisto de tiu aŭ alia adreso el eksterlando?

Jen kion mi povas legi en la letero,sendita al mi de Saulcerite Neilande,fakestro de la Koresponda fako:

"... Dume neniu petis adresojn de mi...".Ĉu neniu volas korespondi kun eksterlandaj amikoj? Tute ne.Se ni malfermas ian ajn E-revuon,ni nepre trovos sur unu aŭ lastaj paĝoj tutajn dekojn da adresoj de sovetaj dezirantoj interkorespondi.Do,pro kio ili ne volas uzi la Korespondan fakon,kreitan speciale por ĉi-celo?Tio okazas plej verŝajne pro malatento de SEJM-reprezentantoj,kurs- kaj kl-

ubgvidantoj al ĝi.Ĝis nun la Koresponda fako havis ne tre multe da atento, ĉar ne ĉiuj klubestroj kaj kursgvidantoj informas pri ĝi. Militute ne propagandas la SEJM-an Korespondan fakon,sed simple proponas al siaj samideanoj:Ĉu vi volas korespondi? Sendu vian adreson en ... revuon kaj ĝi estos aperigita".

Kaj kiel ni povas sekvi ĉiujn korespondpetojn,kiujn oni sendas al ni el eksterlando?Ĉu nia esperantisto,ricevinta ĝin,ne-pre reeĥos?Aŭ li(ŝi) tute forgesos pri siaj devoj?Jes,devoj.Ni devas atenti ĉiun peton,ricevatan el eksterlando.Jen ankoraŭ fr-agmento de la letero de S.Neilande "...nizj geamikoj,ricevantaj la adresojn,senditajn de mi,ne respondas al mi.Ili forgesas eĉ danki pro la ricevitaj adresoj.Do,kiu skribos aŭ kontrolos la so-rton de la senditaj adresoj,neniu ja havas por tio tempon..."

Sekve,ni povas ĉesigi la ekzistadon de la Koresponda fako, aŭ pli atenti ĝin.

Se ni elektos la duan vojon (ne ĉesigi la ekzistadon de la Koresponda fako,sed helpi al ĝi),do,mi havas konkretajn proponojn:

1.Ĉiu SEJM-reprezentanto,klubestro,kursgvidanto devas vaste informi gesamideanojn pri la Koresponda fako,montrante ĝian utilon kaj neceson;

2.Al ĉiuj siaj gesamideanoj proponu serĉadon de korespondamikoj per la Koresponda fako;

3.Kontroli la reeĥon al ĉiuj adresoj,ricevitaj per la Koresponda fako;

4.La fakestro de la Koresponda fako devas noti ĉiujn ricevitajn leterojn kaj reeĥojn al ili (por tiu celo necesas fari sciigon pri la forsendo de adreso al tiu klubestro,en kies urbon estis forsendi-ta la adreso).

Nur tiel ni povas revigligi la agadon de la bezonata por ni (tio estas mia opinio) Koresponda fako.Ne forgesu la adreson de la fakestro:

Latvijskaja SSR,226014,Riga-14,Glika 9 - 2,
Neilande Saulcerite.

D.Cibulevskij.

## Ĉu E-legejo en SEJT-oj?

En la antaŭaj Baltaj E-tendaroj kaj sporade en SEJT-oj fun-kciis E-bibliotekoj.Iuj esperantistoj alportadis siajn librojn kaj revuojn,tamen kiu kiajn volis.La afero ne estis planata.

Kun la fondo de la E-Universitato aperis la neceso pri E-legejo, funkcianta en la kadroj de SEJT,por bezonoj al studentoj de la Universitato.Sekve E-legejon devas konsistigi E-literaturo,kiun kunprenas bonvolemaj partoprenantoj de SEJT.Post la fino de la tendara tempo oni reprenu siajn librojn.

Estas peto al ĉiuj aktivuloj en SEJM atente tralegi la planojn de la unuaj kursoj (du) de la E-Universitato kaj kontroli siajn bibliotekojn.Faru liston de libroj,revuoj kaj aliaj E-materialoj, kiuj havas rilaton al la temoj de la Universitato,kaj sendu ĝin al k-do Podkaminer.Samtempe apartigu la librojn por ne forgesi kunpreni ilin al la tendaro.Se iu samideano ne povas veni al SEJT-XVI, sed povas pruntedoni (sendi) la literaturon por la legejo,tiu ankaŭ kontaktiĝu al S.N.Podkaminer.

Laste estas tasko,por sejmanoj cerbumu:kiel organizi kon-stantan ĉiu-tendaran E-legejon kun E-literaturo,apartenanta nur al la legejo (do al SEJM)?

A.Gonĉarov.

## Tendaraj laboroj.

Laŭ neoficiala leĝo de SEJT-oj ĉiu E-aktivulo aŭ homo, bone posedanta la lingvon devas plenumi en la tendaro iun taskon. Simplajn ripozantojn ni ne bezonas kaj ne akceptas al la tendaro.

Tie ĉi mi prezentas por via elekto tendarajn laborejn. Tasko de klubestro estas jam nun trovi kaj por si kaj por siaj klubanoj, veturontaj al SEJT-16 tiun aŭ alian eron de tendara programo por respondeci kaj organizi ĝin.

1. Aŭtografoj (organizi kolekton de).
2. Akcepto kaj registro de venantoj.
3. Artaj prezentoj (konkurso de artaj koncertaj numeroj).
4. Bela lego (konkurso de).
5. Butiko (de E-literaturo).
6. Dancado (organizo de).
7. Deĵorantoj (en tendaro kaj en manĝejo po plena tago).
8. Deĵorestro.
9. Ekskurso (organizo de).
10. Ekspozicioj (organizi kaj respondeci pri).
11. Fakaj kunvenoj (organizo de).
12. Fiŝkaptista (organizo de).
13. Fotogrupo (faras fotojn por tendaraj albumoj).
14. Gaja vespero.
15. Gimnastik-gvidantoj.
16. Infana tendareto (organizo kaj gvido de).
17. Interpretistoj (konkurso de).
18. Ĵurnalista grupo.
19. Kantoj (organizi instruon de E-).
20. Klubo de Gajaj kaj Spritaj.
21. Komsomolestro.
22. Koncertoj.
23. Kuracisto (tendara).
24. Labora tago.
25. Legejo (esperanta).
26. Lignofajro (organizo de).
27. Lingva komisiono (korektas erarojn de tendara parolado).
28. Loterio.
29. Ludoj, enigmoj (en Esperanto).
30. Magnetofona servo (surbendigo por SEJM - arkivo).
31. Manĝejo (estro en).
32. Masko-balo (adiaŭa).
33. Mendi revenajn biletojn.
34. Miss Esperanto (elekto de).
35. Murgazeto.
36. Naskiĝoj (festo de).
37. Neptun-festo.
38. Oratora konkurso (organizo de).
39. Paroligaj kursoj (gvidi).
40. Pedagogia Seminario (organizi, gvidi).
41. Piedmarŝo duontaga.
42. Poezia vespero-konkurso (organizo de).
43. Regionaj kunvenoj (organizo de).
44. Sociologia enketado.
45. Somera Universitato (organizo kaj gvido de).
46. Sportaj konkursoj (organizo de).
47. Statistiko tendara.
48. Tradukista kurso (gvidi).
49. Tradukistoj (organizi konkurson de).
50. Verda polico (kontraŭ krokodilo).
51. Viktorino.

Partoprenantoj de SEJT-XVI,kiu kiun laboron deziras plenumi skribu al k-do Gonĉarov.Por niaj komunaj fortoj ni faru la tendaron neforgesebla.

A.Gonĉarov.

Semajno de soveta-kuba amikeco.

La vespero,dediĉitan al la heroa Kubo esperantistoj el la Ivanova pedagogia instituto membroj de la klubo pri internacia amikeco preparis kun neordinara diligento.Ĉiuj volis,ke la senditoj de la heroa insulo kaj ĉiuj partoprenantoj de la Vespero por longe havu la memoron pri ĉi renkontiĝo.

Finfine venis la longeatendita vespero.La mastroj rakontis pri klubaj aferoj,pri sia batalo por rajto porti nomon de la fama kuba revoluciulo Ernesto Ĉe Gevara.Kubaj amikoj rakontis pri sia patrujo,pri ĝiaj heroaj homoj,konstruantaj novan vivon.Poste la gastoj konatiĝis kun la ensemblo de politika kanto,fondita antaŭ tri monatoj.Kelkajn kantojn plenumis la esperantistoj.La stafeton akceptis la kubanoj.Longe sonis en la instituto la kantoj de la Insulo de Libero.

Simila vespero okazis antaŭnelonge en la Kulturdomo de instruistoj,organizita de urba VLKSM-Komitato.Ankaŭ ĝin partoprenis niaj E-klubanoj,kiuj prezentis kelkajn artnumerojn.

Smetanina S.

Akiri Esperanto - librojn.

Fine de aŭgusto 1973 al E-klubo de Ufa venis pozitiva respondo de Tutunia unuiĝo "Meĵdunarodnaja kniga" al la demanda letero pri ebleco mendi E-librojn pere de Knigoeksport.En la respondo estas indikite,ke E-librojn oni povas mende ricevi en librovendejoj, kaj ke en 1973 jaro el GDR estas mendita la romano de B.Apitz "Nuda inter lupoj".

Uzante la okazon E-klubo de Ufa per oficialaletero al Knigoeksport mendis el Hungario E-librojn de sep titoloj.Jam venis respondo,ke la mendo estas prenita por la plenumo.

E-kluboj,faru mendojn pri E-literaturo el socialismaj landoj per oficialaj leteroj laŭ la adreso:
103012,Moskva,K-12,ul.Kujbiŝevskaja 3/8,al direktoro de l'kontoro "Knigoeksport".

B.Kolker.

sciigoj sciigoj sciigoj

I.SEJT-XVI okazos ĉirkaŭ 18-28 de julio.Organizas ĝin Centro-Rusia E-regiono en unu el apudmoskvaj regionoj.E-Konferenco okazos je kvin tagoj pli frue en la samaloko.Detaloj estos konataj en majo.Proponojn por tendara programo sendu al k-do Gonĉarov,por programo de la Konferenco - al k-do Arelović.

II.Laŭ la decido de SEJM-Komitato SEJM asignis E-literaturon je sumo de po 30 rubloj al E-Movadoj de Mongolio kaj Kubo.

III.Barnaul.Ĉiujare,dum la vintra postsesia ripozo en Altaja Politeknika in-to oni organizas tiel nomatan "Vintran desanton",kiu skias dum 10 tagoj de vilaĝo al vilaĝo.En ĉiu vilaĝo anoj de la desanto prelegas kaj faras koncertojn.En ĉi jaro du reprezentantoj

de Barnaula E-klubo estás en du batalionoj de "Vintra desanto".Dum la periodo de 29 januaro ĝis 9 februaro ili faris II prelegojn pri Esperanto,sume al 1500 gevilaĝanoj.

IV.Novosibirsk.18-an de decembro 1973 en la virina komunloĝejo de konstruistoj en Novosibirsk membro de la societo "Scio" V.Sibircev prelegis pri Esperanto.Ĉeestis ĉirkaŭ 30 junulinoj.II el ili skribis siajn adresojn sur poŝtkartojn,kiuj estas dissendotaj al la junulinoj kun sciigo pri organizotaj E-kursoj.

V.Doneck.Du novaj lernejoj en Doneck komencis lerni Esperanton;(po klaso).№ 7 ka 109.Lernas ankaŭ instruistinoj - gvidantoj de kluboj KID.

ANONCOJ.

I)Dum SEJT-XVI ni organizos enketadon de ĉiuj partoprenantoj.Skribu al k-do Kolker B.,kiel al sociologia estro ĉiajn demandojn laŭ via opinio indus enmeti en la enketon.

2)Estas serĉataj prelegontoj por E-Universitato pri la temoj:Esperanto kaj turismo,Esperanto kaj sporto.Anonciĝi ĉe k-do Podkaminer.

3)Se vi havas bonajn librojn en Esperanto en duobla kvanto konservu ilin por la premia fonduso de SEJT-XVI.

4)Kiel ni scias ĉi jare okazos vica Kongreso de VLKSM.E-kluboj ne forgesu sendi gratulojn al la Kongreso en plej diversa formo:leteroj,poŝtkartoj,telegramoj.

5)Estas urĝe serĉata E-klubo,kiu konsentus organizi E-laborbrigadon en sia regiono.Proponojn direktu al k-do Gonĉarov.Jam venis propono en ĉi jaro ne organizi E-laborbrigadon,sed organizi ĝin en 1975.

6)Fine de 1973 jaro en Pollando estis disvidigita per televizio filmo "Por ke homo komprenu homon",kie temas pri L.Zamenhof kaj pri kreo de Esperanto.SEJM-kluboj,skribu al Centra Sovetia televizio petojn montri ĉi filmon en la soveta televizio.

Materialojn por "Aktuale" sendu:laŭ adreso:
656099;Barnaul-99,a.k.11,Esperanto-klubo.

redaktis Ju.Vladimircev,V.Ebelj;

tajpis N.Stolbun.